2.ª Ep. AÑO X N.º 54 (190) MARZO - ABRIL 1972




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 32ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Vigo. Monumento al la galionoj de Rande

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Generala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banko Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Hispana Esperanto-Federacio
str. Rodríguez San Pedro, 13, 3.º desp. 7
MADRID-8
Sendaĵoj pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.º, 1.ª
BARCELONA-14
Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1972

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... | 1.609 | ptas. |
| Rafael Blanes (Alcoy) ... ... ... ... | 103 | » |
| F. Pérez Callejón (Suiza) ... ... ... | 50 | » |
| *Total* ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.762 | » |

## de Secretaría

DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... | 78.100 | ptas. |
| Grupo Esperantista de Alicante ... ... ... ... ... ... | 3.000 | " |
| Miguel Alvarez Villota ... | 500 | " |
| Angel Enriquez de Salamanca ... ... ... ... ... ... | 1.000 | " |
| Conrado Berghänel ... ... | 1.000 | " |
| Manuel Alvarez Mudarra . | 500 | " |
| Salvador Oliván Hernando | 1.000 | " |
| Manuel Casanoves Casals . | 500 | " |
| *Total* ... ... ... ... | 85.600 | " |

Madrid, 4 de marzo de 1972.

*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación Española de Esperanto

## deziras korespondi

ITALUJO. — Palermo (Sicilia), Pensionato Universitario "Santi Romano", stanza 459, S-ro Biagio Trapani deziras hispana korespondanto kaj laŭeble reciproka gastigado.

FINLANDO. — Helsinki 25, Box 144, S-ro Äke Svensson, 45 jara svedano deziras korespondi kun moderna juna hispanino. Respondoj kun foto.

HUNGARUJO. — Budapest VXI Arpádföld, Fürge u. 31, S-roj Berza, J. Ferenc kaj Zoltán, 26 kaj 22 jaraĝaj respektive, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj. Ili korespondas pri diversaj temoj.

HUNGARUJO. — Nagybajos, Sport ut 23, (Györ), Suzana Huszán 15 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

GERMANUJO D. R. — 724 Grimma, Paul-Gerhardt-str. 21, S-ro Ernerst Kind, pensiulo, deziras korespondi kun hispanaj esperantist(in)oj.

LETERVESPERO

"Progreso Esperanto-Rondo" aranĝos letervesperon, la 25-an de majo, okaze de la 15-jara datreveno de sia fondiĝo. Salutleterojn, kaj bildkartojn sendu amase al suba adreso:

PROGESO ESPERANTO - RONDO, Barátság u. 2, Vasmü Klub, DUNAUJVAROS Hungarujo.

Anoncetojn pri korespondado ni publikigos nur kiam la adresoj estos tajpe aŭ preslitere skribitaj.

# PEDRO DE ICAZA Y GANGOITI

La 27-an de januaro subite mortis nia altŝatata samideano, Lia Ekscelenca Moŝto S-ro Pedro de Icaza y Gangoiti, Markizo de Casa Icaza kaj Vic-grafo de Moreaga de Icaza.

Estis tiel profunda mia bedaŭro kiam mi ekkonis tiun malĝojigan sciigon, ke mi preskaŭ ne sukcesis esprimi mian senton pere de vortoj. Tial, mi nun deziras dediĉi kelkajn liniojn omaĝe al nia altmerita forpasinto, kies esperantista vivo estis daŭra sindediĉo al nia nobla idealo.

De kiam li esperantistiĝis en la jaro 1920a, li estis firma kolono de la Esperanto-movado en Bilbao, tiel same kiam li okupis estrarajn postenojn, kiel kiam li estis simpla membro de la Grupo.

Tre helpema kaj simpatia persono kun mirinda modesteco, certe ne tre ofta ĉe altranguloj, li ĉiam helpis niajn klopodojn en Bilbao por la okazigo de niaj Naciaj Kongresoj, jam ekde la unua, en 1924 kiam la tiama hispana Reĝo Alfonso la XIIIa, okupis la Honoran Prezidantecon kaj Patronecon de tiu Kongreso, dank' al liaj klopodoj kaj demarŝoj.

Okaze de niaj malfacilaĵoj kaj kontraŭaĵoj rilate la akiron de la sidejo de la Grupo Esperantista de Bilbao, li tre energie, fervore kaj aktive batalis por efektivigi nian deziron. Akompanate de nia altmerita —ankaŭ mortinta— samideano, Félix Jausoro Gutiérrez, kaj de la subskribinto mem, li efektivigis kelkajn vojaĝojn al Burgos por kontraŭstari, repuŝi kaj bari la obstaklojn kaj rezonadojn de niaj kontraŭuloj. Kiel dirite, dank' al liaj klopodoj kaj demarŝoj, ni havas nun la okazon ĝui la iom ampleksan sidejon kun ĉiutaga kunsidado.

Li estis vera kavaliro en ĉiuj aspektoj de sia vivo, liaj afableco kaj modesteco estis vere rimarkindaj, tute ne oftaj ĉe tiaj gravaj personoj. La subskribinto ĝuis la honoron de lia persona amikeco, kaj ĉiuj geesperantistoj en Bilbao iam ajn povis ĝui lian simplecon, modestecon, demokratecon kaj simpation.

Al lia inda vidvino, nun funebranta, la Markizino de Casa Icaza, ni esprimas nian plej elkoran kondolencon, ne nur de la esperantistoj de Bilbao, sed de ĉiuj hispanaj gesamideanoj, kiuj havis okazon interkonatiĝi kun li.

Ankaŭ al lia frato, S-ro Francisco de Icaza y Gangoiti, esperantisto de antaŭ multaj jaroj (kiel lia frato de 1920), kaj nun loĝanta kiel simpla Kartuziano en la Kartuzio de Jerez de la Frontera (Cádiz), ni esprimas nian plej sinceran kondolencon.

Grupo Esperantista de Bilbao

*Luis de Otaola Faón*



Granda perdo por esperantismo. En la unua bulteno de ĉi tiu jaro ne plu estis eble dediĉi al li indan rememoron. Mi esperas ke la dankemeco de la Grupo Esperantista de Bilbao pagos tiun ŝuldon al sia Honora Prezidanto.

Lin mi ekkonis tra la unua enskribo, kiun mi faris por la Komerca Universitato de Deusto (nuntempe Bilbao), kiam li estis ĵus iĝinta abituriento.

En la Universitato li atingis seriozan preparon por la vivo.
Mi mem povus skribi libron pri li, ĉar lia kaj mia vivoj estis dum longaj jaroj kunigitaj por studo, vojaĝado kaj bonfara agado.

Mi volas citi ĉi tie nur *ekskurson* kiun ni ambaŭ faris tra Eŭropo post la unua Granda Mondmilito, pri kiu mi publikigis verketon, "Recuerdos de viaje" (Rememoroj pri vojaĝo), kiun mi dediĉis al li per tutkoraj vortoj.

El tiu verketo, kiu aperis antaŭ pli ol duonjarcento, estas precipe memorinda la fakto ke mi estis la unua hispano kiu rajtis eniri en Ĉeĥoslovakujon, apenaŭ naskiĝintan kiel nova nacio. La ambasadoro en Madrid estis fama esperantisto, S-ro Kuhln, kies paroladojn mi kelkfoje tradukis por la publiko. Afable li donis al mi la vizon por sia patrujo.

Francujo, Italujo, Germanujo... ĉie la naturo ridas ornamita per ĉarmaj kreskaĵoj, arboj kaj floroj; altaj montoj multfoje kovrataj per eterna neĝo; ĉie paco, laboro en la kamparoj, kie antaŭ nelonge tondris la kanonoj kaj okazis la plej terura milito, kiun ĝis tiam konis la homaro. Sed la urboj ŝajnas skeletoj de tiuj kiujn ni konis antaŭ la milito.

En Munĥeno ni disiĝis kaj promesis denove renkonti nin en Dresdeno post ok tagoj, dimanĉon... je la dekunua matene... sub la granda horloĝo en la stacidomo.

Kaj mi vojaĝis tra Vieno ĝis la nova ĉeĥoslovaka landlimo. Kiam mi alproksimiĝis, miaj kunvojaĝantoj dubis pri mia cerba sano, ĉar neniu kredis eble ke oni permesus mian eniron en la nova lando; sed mi nur trovis afablajn doganistojn, kiuj respektis la hispanan pasporton. Kaj mi revivis korplenajn tagojn apud parto de miaj amikoj... ĉar aliaj estis viktimoj de l' pasinta katastrofo en kiu pereis milionoj da homoj.

Kvazaŭ minutoj forpasis la tagoj, revo kiu daŭros ĝis la fino de mia vivo.

Sabate mi troviĝis denove en landlimo antaŭ Germanujo. Sed nun la doganisto malpermesis mian eliron el la lando.

—Mia vizo valoras por unu jaro.

—Jes, sed nur por eniri en Germanujon, kaj vi jam eniris kaj eliris.

—Kion mi devas fari?

—Revojaĝi al Prago kaj tie demandi novan permeson.

—Neeble, mi alvenos en Prago post seshora vojaĝo... morgaŭ, ĉar dimanĉo, mi nenion povos aranĝi kaj lundon estos jam tro malfrue, ĉar mi devas renkonti denove mian amikon morgaŭ matene en Dresdeno.

—Neeble!

Mi alproksimiĝis al germana doganisto kaj klarigis mian gravan problemon. Li *home* komprenis min kaj diris: "Iru al tiu vilaĝo kaj parolu kun la vilaĝestro..."

—Ĉu tiu vilaĝo estas en Ĉeĥoslovakujo aŭ en Germanujo?

—En Germanujo!

Triumfe mi sekvis la konsilon de la germana doganisto kaj... dimanĉon matene, je la dekunua horo, mi ĉirkaŭbrakis Petron antaŭ la stacidomo en Dresdeno.

Ni vojaĝis al Berlino. Tie li volis flugi en aeroplano. Mi ne, sed mi certigis al li, "se vi flugos, mi ankaŭ flugos. Se vi mortus, mi preferas morti kun vi, kaj ne postvivi por rakonti al viaj amataj gepatroj pri via malfeliĉo.

Ni subskribis nian testamenton (tiama kondiĉo por ricevi la permeson); sed apenaŭ ni intencis ekflugi, francaj oficiroj aperis por malpermesi nian

aeran ekskurson. Ni tamen diris ke ni estas hispanoj. Ili ridetis kaj aldonis: "bon voyage" (bonan vojaĝon). Baldaŭ Berlino etendiĝis sub niaj piedoj kaj ni rigardis la urbegon en sunradia tago. Ni flugis duonhoron kaj revenis sur la teron post feliĉa revado.

Centojn da anekdotoj mi povus rakonti pri nia longjara amikeco.

---

Nun mi pensas ke Petro flugis al Ĉielo apud siajn gepatrojn. Kelkajn tagojn antaŭ lia morto mi ricevis liniojn kore verkitajn de li. Ni ambaŭ estis dumvivaj patronoj por Terkultura Vizkaja Fondiĝo de lia samnoma patro, kies kultura kaj bonfara agado (Komerca Universitato, Hospitalo por kripligitaj geinfanoj k.c. meritis nobelan titolon (Markizo de "Casa Icaza"). Kaj nia samideano Petro heredis la titolon kaj la moralajn virtojn de sia patro. Kaj lia nomo restos en Esperantujo kiel unu el plej amindaj amikoj kaj sincera helpinto de nia sankta idealo.

*Felikso Diez Mateo*

## Nekrologoj

### JOAQUIN HUTESA COSTAJUSSA

La 11-an de februaro 1972, mortis en Sabadell, nia samideano S-ro Joaquín Hutessá Costajussá, estinta Prezidanto de la iama societo "Aplech Esperanta Grupo", kiam li aĝis 84 jarojn.

Li estis tre erudicia homo, kiu distingiĝis en diversaj kulturaj kampoj. Kiel publicisto, dum multaj jaroj li kunlaboris per kompetentaj recenzoj, precipe rilataj al pentro kaj skulp-artoj, en la loka ĵurnalo "Sabadell". Krome li verkis alitemajn artikolojn kaj eĉ kelkajn librojn.

Esperantisto daŭre fidela, li ĉeestis, kiel H.E.F.-ano, plurajn Hispanajn Kongresojn de Esperanto, inter ili, tiun okazintan en Alicante pasintjare.

Pacan ripozon al li!

Por lia familio kaj por la Centro de Esperanto "Sabadell", nian plej sinceran kondolencon.

### MIGUEL TARRAGÓ

En Almatret (Lérida), forpasis nia samideano kaj amiko S-ro Miguel Tarragó.

Fervora esperantisto, konstanta membro de Hispana Esperanto-Federacio, nia forpasinta samideano multe laboris por disvastigi la Internacian Lingvon kaj ties Internan Ideon.

Pacan ripozon al li!

Por lia familio nian plej sinceran kondolencon.

### MERCEDES SARACHAGA

Ankaŭ mortis en Neguri (Vizcaya), la 2-an de februaro 1972a, la kara patrino de la nuna Vic-prezidanto de la Grupo Esperantista de Bilbao, virta kaj bonfarema Sinjorino D.a Mercedes Sarachaga, pro kies forpaso ni kondolencas kaj esprimas al ŝia edzo kaj tuta familio, ĉefe al ŝia filo, nia altestimata amiko kaj samideano Inĝ. Luis M.a de Barandiarán y Sarachaga, nian elkoran kaj fidelan kunsenton kaj kunestadon pro tiu ege grava perdo en la kara familio.

L. de O.



# *Vigo. Kongresurbo por 1972*

"O val de Fragoso que é mui fermoso."

Ni ne povas paroli pri Vigo kaj ne mencii la valon, ĝian enfluejon de trankvila akvo, kiu plej ofte pli estas kvazaŭ spegulo ol maro, kaj la insulon: San Simón, insulo de Mendiño la trobadoro kaj lia bela amikino.

En la marbordo, super la maro, staras la urbo: Vigo industria kaj mara, unu el la ĉefaj de la lando pro sia ekonomia graveco, dank' al sia grandioza haveno, kiu nombras inter la plej gravaj el la mondo. Kaj, de la montaraj pinaroj ĝis la maro, ĉirkaŭante la urbon, la kampodomoj elstaras sur la mildaj deklivoj tra la valo. Se Vigo estus greka "polis" de la Antikva epoko, ni dirus ke ĝi estis fondita de poeto.

Vigo ĉefe pligrandiĝis dum la XV[a] kaj XVI[a] jarcentoj, kaj de tiam ĝi kreskis kaj graviĝis pli kaj pli... Nuntempe Vigo estas moderna urbo en kiu superregas la estonto sur la pasinto; la pligrandiĝo de la urbo estis tiel rapida kaj tiel konstanta, ke oni ne scias kion pli admiri, ĉu la malnovan parton de la urbo kun mallarĝaj stratoj, slabitaj domoj de la XVIII[a] jarcento kun grandaj ŝildoj sur la muroj, malgrandaj vendejoj... aŭ la novajn kvartalojn kun larĝaj stratoj kaj avenuoj en kiuj elstaras modernaj konstruaĵoj.

La antikva kvartalo "El Berbés" gracia kaj tipe mara havas specialan difinitan karakteron, pro kio ĝi estis deklarita "Conjunto Histórico-Artístico" (Grupo Historia-Arta). Ĝi estas kvartalo de fiŝkaptistoj, en ĝi okazas la fiŝkomercado. Estas ja interesa la vizito al fiŝkaptada haveno kie oni povas admiri la grandan riĉaĵon, kiu el la maro alvenas al Vigo en centoj da barkoj.

La valo ne plu meritas la nomon: Fragoso = malebena, kruda, bruega; fabrikoj, malgrandaj bienoj, kampodomoj, loĝadregionoj... kaj la gracio de malgranda vito apud la konstruaĵoj de granda ceramika industrio kie laboras centoj da metiistoj.

Meze de la urbo, "El Castro", monto kiu estis fortikaĵo, kaj nun, ĝi estas belega parko; eksterordinara belvedero super la enfluejo kaj la valo, super la "Marrazo" kaj ĝiaj vilaoj, vide al la montoj kiuj ĉirkaŭas la Fragoso-n. Ampleksaj promenejoj, ĝardenoj, altanoj, monumento dediĉita al la trobadoro Martín Codax, kaj alia memore al la galeraro de la Plata, kaj restaĵoj de la fortikaĵo. Ne multaj belvederoj ekzistas en la mondo kiel tiu de Castro, de kiuj estas eble admiri tiom da verda tero, malhelaj pinaroj, lumoj kiuj trembilas sur la maro, kaj tiom da maro. Kaj, dum ni rigardadas la malproksimajn "Cies" kaŝitajn en la marnebulo aŭ siluetajn en la horizonto ĉar blovas la kristaleca marvento, iu kamelio povas disiĝi de sia branĉo kaj fali antaŭ la piedojn de la vizitanto.



Sinsekvaj plaĝoj sur la maldekstra bordo de la enfluejo invitas la vizitantojn al plej agrabla restado.

De antaŭjaroj, Vigo estas eldona centro de libroj en galega lingvo. Centoj da volumoj de "Galaxia" kompilis la tutan nuntempan galegan literaturan verkaron.

Dum somero okazas Universitataj kursoj por eksterlandanoj organizitaj de la Fakultato pri Filozofio kaj Beletristiko de la Universitato de Santiago. Kursoj pri lingvoj kaj literaturoj hispana kaj galega, pri arto kaj historio kaj pri la hispana kulturo kompletigas la kurson.

La industrio en Vigo meritas specialan atenton: fabrikoj de ceramiko, aŭtomobiloj... ŝipkonstruejoj en kiuj oni konstruas plej modernajn fiŝkaptoŝipojn, ne nur por Hispanujo, sed por Hispan-amerikaj landoj. Sed la tradicia industrio de Vigo estas la konservaĵa industrio, la plej grava de Hispanujo. Vigo estas bazo de fiŝkapta ŝiparo, por kiu ne havas sekretojn la retmergejoj de Terranova —la gado— nek la Gran Sol —la merluĉo— kaj la retmergejoj aŭstraliaj kie la galegoj estis pioniroj.

Oni nomas Vigon "industria ĉefurbo de Galegujo", kaj la Viganoj estas pratipoj de laboremaj galegoj, de afableco kaj de simpatio.

*Inés Gastón*

## RAPORTO PRI LA AGADO DE HISPANA TURISMA ESPERANTO-SEKCIO DUM 1971

Denove mi devas raporti pri la agado de H.T.E.S., ĉifoje pri la agado dum 1971. Dum ĝi la esperantista aktiveco de la sekcio daŭrigis sian konstantan laboron laŭ la plano programita en la pasinta Generala Kunveno.

Ankaŭ ĉijare la elspezoj buĝetitaj estis kovritaj kvankam niaj financaj rimedoj estas modestaj. Do, nia laboro bone povas daŭri en sama nivelo kaj laŭ sama ritmo.

Dum la jaro ni organizis ekskurson al la "Peña San Martín" por efektivigi la renkontiĝon kun niaj francaj samideanaj geamikoj. Ankaŭ ni organizis kaj efektivigis komunan flugvojaĝon al Londono, okaze de la 56ª Universala Kongreso de Esperanto, kun vizito al Parizo, kie ni ankaŭ kontaktiĝis kun tieaj geesperantistoj. Pri la sukceso de ambaŭ aranĝoj vi estis informitaj pere de la raportoj en BOLETIN; kaj, mi ripetos kiel pasintjare: per ĝia efektivigo ni kontentige plenumis nian celon.

Ni ricevis vizitojn de esperantistoj el Danlando, Francujo, Svisujo, Japanujo, Usono, Germanujo kaj Nederlando, kaj la sekcio havigis informojn pri feriaj lokoj en Hispanujo kaj vojaĝplanojn al esperantistoj el plej diversaj landoj, kiuj laŭdire, intencis ferii en nia lando.

Nia kunlaboro en la organizado de ekskursoj kun la Delegacio en Zaragoza, de firmo MELIA, faciligas nian laboron tiurilate kaj estas garantio de sukceso en la efektivigo.

La estraro de H.T.E.S. daŭrigas siajn kontaktojn kun la Ministerio kaj esperas plenumi la taskon por kio la Sekcio estis kreita.

Zaragoza la 31-an de decembro 1971.

La Sekretariino,

*M.ª Pilar Sancho Rebullida*



# LITERATURA KONKURSO DE «FUNDACION ESPERANTO» - 1971

## Miguel Miravé Diez

*Kiel anoncite, s-ro Miguel Miravé Díez, membro de «Frateco» en Zaragoza, okupis la unuan lokon inter la gajnintoj en la literatura konkurso, kiun organizis la «Fundación ESPERANTO» laŭ decido de ties kunsido okazinta la 23-an de januaro de la pasinta jaro.*

*Pri la temo de la konkurso, traduko al Esperanto de la unua ĉapitro de la verko «Los Pueblos» de la fama aŭtoro Azorín (José Martín Ruiz), s-ro Miguel Miravé faris tre atentindan laboron, juste premiitan de la juĝintoj.*

*Ni publikigas ĉi-sube lian version kaj gratulas lin pro lia sukceso, des pli, ke li estas relative nova esperantisto kaj konkuris kun tiel kompetentaj samideanoj kiel s-roj Salvador Gumá kaj Vicente Hernández Llusera, kiuj same prezentis valorajn kontribuaĵojn.*

## LA FESTO

Don Joaquín haltas momenton ĉe la sojlo; unu servisto akompanas lin.

—Kiel vi fartas, don Joaquín? —diras al li doña Juana.

—Kiel vi statas, don Joaquín? —demandas al li don Antonio. —Ni sciis, ke vi alvenis ĉi-matene al la vilaĝo, sed ni ne povis imagi, ke jam ĉi-vespere vi vizitus nin!

—Kaj vi ĉiuj? Kiel vi fartas? Nu, vere jam de longe ni ne vidis unu la aliajn. Kaj nun ni ne vidas nin ankoraŭ. Pli ĝuste, estas mi, kiu ne povas vidi vin. —diras don Joaquín.

Doña Juana proksimigis fotelon.

—Sidiĝu ĉi tie, don Joaquín.

Don Antonio prenas la manon de don Joaquín kaj lin gvidas ĝis la fotelo. Don Joaquín sidiĝas zorge, lante. La pordo estas plene aperta; vidiĝas la pura, larĝa vestiblo pavimita per blankaj kaj nigraj kaheloj; sur la strato cirkulas rumora svarmo da homoj.

—Ĉu vi loĝas en via domo, don Joaquín? —demandas doña Juana.

—Ne, mi gastas ĉe mia fratino —respondas don Joaquín. —Mia domo certe similas senordan korton; eble ĉiuj mebloj pleniĝis per blatoj, araneoj kaj polvo. De antaŭ dudek jaroj oni ne malfermas ĝin... de kiam mi forvojaĝis. Virginia skribas al mi en siaj leteroj, ke ŝi purigas ĝin du tri fojojn ĉiujare; sed mi ne kredas tion... Krome mi ne volas eniri tien; mi povas vidi nenion, kaj min tre malĝojigus palpi, por ilin rekoni, la meblojn, kiujn mi rigardis en mia junaĝo.

—Tiel do —diras don Antonio— ĉijare vi memoris pri la vilaĝo kaj volis veni vidi la feston.

—Jes —respondas don Joaquín. —Mi volis veni ĉijare. Mi diris en mi: "Car eble mi ne havos alian okazon, mi profitu ĉi tiun, ĉar ĝi povas esti la lasta". Kaj mi venis vidi, alidire, venis senti la vilaĝon kaj saluti la bonajn amikojn, kiaj vi estas.

Aŭdiĝas malproksima, brua, gaja tintado de sonoriloj; eksplodas raketoj en la aero; la ĉielo fariĝas iom post iom pale blua.

Doña Juana subite stariĝas.

—Sed vi, don Joaquín, ĉu vi rekonus Lola-n, Clara-n kaj Conchita-n, kiu lasta havis vin kiel baptopatron en Madrido?
Doña Juana proksimiĝas al la ŝtupara ŝakto kaj krie vokas:
—Clara, Lola, Concha! Malsuprenvenu, don Joaquín estas ĉi tie!
—Sendube ili staras en la balkono —diras don Antonio.
Kaj li eliras sur la straton kaj ekkrias rigardante supren:
—Malsuprenvenu, don Joaquín estas ĉi tie!
Aŭdiĝas tra la plafono hasta bruetado de kalkanumoj malpezaj kaj pintaj; poste, sur la ŝtuparo, susuro de jupoj, voĉoj, senbridaj ridoj. Kaj subite, kiel magia aperaĵo, la tri staras ĉe la pordo rekte, serioze, rigardante al don Joaquín per siaj grandaj okuloj bluaj, grizaj, nigraj.
—Ĉu vi ne konas don Joaquín? —demandas al ili don Antonio.
La tri silentas.
—Clara, ĉu vi ne memoras, ke kiam vi estis infaneto, li kutime kunprenis vin al la ĝardeno?
—Ne —ridetante diras don Joaquín. —Certe ŝi ne memoras. Tio okazis antaŭ multe da jaroj.
—Vi, Lola, sendube memoras —diras don Antonio. —Vi havis du jarojn, kiam li foriris.
—Mi ja memoras pri ŝi —diras don Joaquín. —Lola havis bluajn okulojn, ĉu ne vere?
Lola iomete ruĝiĝas.
—Jes, don Joaquín, ŝiaj okuloj estas bluaj —asertas doña Juana.
—Kaj Conchita? —demandas don Joaquín. —Ĉu ankaŭ ŝi troviĝas ĉi tie?
—Jes, antaŭ vi, —respondas don Antonio.
—Conchita —diras don Joaquín. —Mi tenis vin ĉe la baptujo, antaŭ dek kvin jaroj.
—Jes, don Joaquín —respondas Conchita. —Mi scias, ke vi estas mia baptopatro.
—Ŝi ofte demandas al mi pri vi —diras doña Juana.
—Mi ne povas vidi vin, Conchita —diras don Joaquín. —Kia vi estas? Kia estas Conchita?
—Alta kaj maldika —respondas doña Juana.
—Kaj ŝiaj haroj?
—Blondaj kaj longaj.
La vangoj de Conchita ekbrulas en intensan karminon.
—Kaj la okuloj? Kiun koloron ili havas?
—La okuloj estas duongrizaj, duonverdaj; foje ili ŝajnas grizaj, foje verdaj.
—Kaj la buŝo?
—Malgranda, kun lipoj ruĝaj.
—Conchita —ekkrias don Joaquín —vi estas bela knabino, kaj mi kontentas, ĉar mi tenis vin en miaj brakoj, kiam vi aĝis ok tagojn... Kaj ankaŭ vi, Lola kaj Clara, estas belaj... sed mi ne povas vidi vin.
Servistino eniras portante en la manoj larĝan pletón plenan de floroj.
—Jen la floroj —diras Lola.
—Ĉu oni alportis florojn? —demandas don Joaquín.
—Jes, la floroj, kiujn ni alĵetos al la Virgulino, kiam ŝi pasos —respondas Clara.
—Pri kiuj floroj temas? —denove demandas don Joaquín.
—Rozoj, diantoj, jasmenoj... —respondas Lola.
—Palpu ilin, don Joaquín —diras Conchita, metante antaŭ lin la pleton.
—Conchita —diras don Joaquín etendante siajn blankajn, subtilajn manojn kaj zorge tuŝetante la rozojn, la diantojn kaj la jasmenojn. —Conchita, vi faris kion plej povus deziri por sia konsolo maljuna poeto, kiu amas la florojn kaj ne povas ilin vidi...
Daŭras malproksime la gaja kaj senbrida svingado de la sonoriloj; eksplodas raketoj; aŭdiĝas muziko; la diafana ĉielo obskuriĝis, kaj palpebrumas la unuaj steloj.
Don Antonio subite stariĝas kaj krias:
—Rafael! Rafael!
Rafael proksimiĝas kaj eniras en la vestiblon. Li estas kampulo, la submastro de don Antonio en La Umbría.
—Rafael —demandas don Antonio. —Ĉu vi foriros al La Umbría jam ĉinokte, post la procesio, aŭ morgaŭ matene?

—Ni deziras vidi ĉi-nokte la fajroradojn —respondas Rafael. —Ni foriros morgaŭ.
—Atentu —rimarkigas don Antonio —ĉi tiun semajnon oni devas plugi ĉiujn kampojn de La Herrada... oni enpuŝu bone la sokon en ĉiujn angulojn. Kaj oni devas ankaŭ rikolti la migdalojn ankoraŭ ne plukitajn.
—Ĉi tiu Rafael —demandas don Joaquín —certe estas la filo de onklo Rafael, via antaŭa submastro, ĉu ne?
—Jes, li estas lia filo —respondas don Antonio.
—Rafael —diras don Joaquín. —Ĉu vi memoras pri mi? Vi ne memoras pri don Joaquín, ĉu ne vere?
—Ne, sinjoro —respondas Rafael, konfuzite kaj gratante al si la kapon.
—Vi estis apenaŭ knabo, kiam mi vizitadis La Umbrian... Diru, ĉu staras ankoraŭ antaŭ la domo la grandaj ulmoj? Ĉu ili aspektas bele? Ĉu ili estas verdaj?
—Jes, ili ekzistas ankoraŭ —respondas don Antonio.
—Kaj troviĝas en ili multaj cikadoj? Cikadoj, kiuj tre ĉirpas?
—Ili forte ĉirpas, ja! —ekkrias Rafael. —La tutan tagon ili ĉirpas. La buboj ĵetas ŝtonojn al ili, por ke ili silentiĝu; sed mi diras al la infanoj, ke ili lasu la cikadojn, ĉar la vintro alvenos, kaj tiuj mortos.
—Efektive —respondas don Joaquín. —La vintro alvenos, kaj la cikadoj mortos...
Kaj li pensas: "Ni, la poetoj, similas al la cikadoj; kiam la plagoj kaj ĉagrenoj de la vivo permesas al ni, tiam ni kantas, kantas senĉese; poste venas la vintro, tio estas, la maljuneco, kaj ni mortas forgesitaj kaj senhelpaj."
Resonas la eksplodoj de la raketoj; la procesio proksimiĝas. Kelkaj nanoj pasas dancante; la ŝalmo fajfas; *ti, tiri, ti;* la tamburo tondras: *tan, taran, tan.*

NOVULO

## *FUNDACION ESPERANTO*

Seguramente todos recordáis el artículo en el que D. Miguel Sancho Izquierdo daba cuenta de que había sido constituida en Zaragoza, por la Federación Española de Esperanto, la Fundación "Esperanto", con carácter benéfico-docente, y el motivo que nos había impulsado a ello.
Puede que alguno hayais pensado que la realidad no responde a lo que se indicaba, pero ocurre que hasta ahora, la realidad ha respondido solo, a la aportación inicial con la que se constituyó la Fundación, y a la donación que responde al premio "Sancho Rebullida", ya que el legado hecho en su testamento por los esposos Pedro Casanovas y Elísa Ferrándiz, ahora es cuando ha entrado en la fase final, la liquidación de dicho testamento. Esperamos que antes de finalizar el año pueda otorgarse algún premio con el nombre "Casanovas-Ferrándiz".
Hoy tengo la satisfacción de comunicaros que la Fundación "Esperanto" tiene su medalla conmemorativa; regalada por D. Miguel Sender Brota, quien se ocupa a su vez de dar cumplimiento a los deseos de los esposos Casanovas-Ferrándiz.
He aquí el anverso y reverso de la medalla:






## LUGANO, LA URBO DE LA 24ª I.F.E.F.-KONGRESO, VALORAS VIAN VIZITON

Lugano (277 m.) estas la plej granda urbo de la respubliko Tiĉino. Hodiaŭ ĝi havas 22.000 loĝantojn. Ekzistas fortoj, kaj ankaŭ certa neceseco, kiuj celas enkonduki la cirkaŭajn lokojn kaj tiamaniere formi "Grand-Luganon" kun 35.000 loĝantoj. Tiuj lokoj fakte jam hodiaŭ tiel forte ligiĝis al la centro de Lugano, geografie, ekonomie kaj politike, ke fremdulo ne rimarkas la diversajn memstarajn komunumojn.

Pri la deveno de la urbo fakte malmulte estas konata. Tamen ĝi sendube estas tre malnova, ĉar oni scias, ke la urbo jam estis garnizono de la roma imperio. En la 12-a kaj 13-a jarcentoj la urboj Como kaj Milano interbatalis por posedi la lokon. En 1512-a ĝi falis sub la suverenecon de la svisaj pra-kantonoj Uri, Schwyz kaj Unterwalden. Tiuj reĝintoj provokis per sia terura ekspluatado kaj subpremo plurajn ribelojn. Nur en 1798 Lugano akiris plenan sendependecon kaj civitajn rajtojn.

Lugano estas konata kiel unu el la plej belaj svisaj urboj. Bele ĝi aspektas, kuŝanta en golfo de samnoma lago. La impreso estas tiu de itala urbo kun tre vigla internacia trafiko. La belaj lagobordoj, meze de abunda subtropika vegetaĵo kun siaj apartaj belecoj kaj arboriĉeco, en la fono la altaj montoj, kaŭzis ke Lugano hodiaŭ estas unu el la plej konataj lokoj de internacia turismo. La milda klimato, la preskaŭ ĉiam klara ĉielo, la tuta atmosfero de vivoplena kaj vivoĝoja urbo donas al Lugano tute apartan stilon.

Artamikoj same kiel naturamikoj trovos sian plezuron en Lugano. Vizitindaĵoj abundas. Pinakoteko Villa Favorita enhavas multe-valorajn artotrezorojn de la itala, flandra-nederlanda, hispana, franca kaj germana artskoloj de la mezepoko ĝis la 18-a jarcento. Ankaŭ la "Muzeo Civico" (Villa Ciani) en la urba ĝardeno meritas atenton pro siaj pentraĵoj de Tintoretto, tiĉinaj artistoj kaj lombardiaj majstroj. Tipe por Lugano estas la malnova urbo kun siaj malaltaj arkadejoj; vizitinda la urbodomo, konstruita en 1844-a kaj ornamita per modernaj pentraĵoj kaj skulptaĵoj. Fama estas la preĝejo "Santa Maria degli Angioli" konstruita en 1499-a. Ne pretervidinda estas la katedralo "San Lorenzo", konstruita en 1517-a kun fasado en frurenesanca stilo. Pliaj preĝejoj menciindaj estas la barokstila "Madonna di Loreto" kaj "San Rocco" de la 16-a jarcento kun freskoj de G. B. Discepoli el Lugano.

Por admiri la pozicion kaj aspekton de la urbo oni povas fari plej diversajn ekskursojn. Famaj estas la montoj "San Salvatore" kaj "Monte Bre", ambaŭ staras kvazaŭ antaŭ la pordo de Lugano, aŭ kiel gardistoj flanke de la urbo. De la supro oni havas belegan elvidon. Ankaŭ ĉiaj rondveturadoj sur la strangforma lago ĉiam estas ŝatataj. En la proksimeco estas "Monto Lema" aŭ "Monto Generoso", ambaŭ donas ne priskribeblan bildon de la pejzaĝo kaj ĉarma regiono. Dum la bela vetero kuŝas antaŭ vi la tuta ĉeno de la alpaj montoj. Pli ol kvardek ekskurseblecoj ekzistas nur en la plej proksima regiono. Mi certe ne povas priskribi ĉiujn, do iru, vidu kaj admiru mem, Lugano valoras vian viziton.

*José Cerezo Pérez*

---

**Reeldonitaj libroj**

Denove je la dispono de esperantistoj de hispana lingvo:
GRAMATICA Y VOCABULARIO DE ESPERANTO de J. Bremón.
¿SABE V. ESPERANTO? de J. Hess.



José de Espronceda *(1808-1842) naskiĝis en Almendralejo (Badajoz) kaj fariĝis elstara figuro de la romantika skolo. En la numero de majo-junio 1971 de nia bulteno publikiĝis lia fama* Pirata kanto. *Nun ni aperigas alian popularan poemon de Espronceda. En la traduko ni tenis nin al la metrika kaj prozodia aranĝoj de la originalo, do ankaŭ al la alterno de puraj rimoj kaj rimoidoj kun asonancoj.*

# KOZAKA KANTO

## ĤORO

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*
*Eŭropon riĉan havas ni ĉe man'.*
*Ni sternos ĝiajn rotojn por la korvoj,*
*la kampojn kovros ruĝa sangoban'.*

Hura! Galopu, filoj de l' nebuloj!
Galopu, sage flugu al batal'.
Fekundan teron tie mastras uloj
pro lukso molaj, virinecaj jam.
Palacoj, kampoj, domoj kun ĝardeno
brilegas, ravas en la transa ter'.
La inoj ŝajnas nimfoj el Edeno,
la suno lumas en safir-ĉiel'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Al ni plezurojn, kaj al ni la oron.
Ni ĝuos je la suno kaj kampar'.
Soldatoj tie havas virinkoron,
la reĝoj sin koruptas en avar'.
Atentu! Ili fuĝas kaŝi monon!
Rigardu! Ili ploras kiel in'!
Hura, galopu! Batu ĉiun homon
la hufoj de l' ĉevaloj dum la ir'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Kaprice regos ni per niaj leĝoj,
kasteloj luksaj estos nia dom'.
La sceptroj kaj la kronoj de la reĝoj
kiel ludiloj kuŝos en la kot'.
Hura, galopu! Amu sen kontrolo!
La belulinoj, plenaj de dezir',
sin premos arde al kozaka kolo,
ĉar estas ĉiam ĉarma la venkint'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

La landojn de Eŭropo ni disŝiros,
kiel inteston ŝiras la panter'.
Per sango niajn vestojn ni traŝmiros,
ke ili ruĝu kiel reĝ-mantel'.
Por niaj rajdobestoj ni destinos
salonojn, kie pompas brila luks'.
Cent sklavoj sian kapon treme klinos,
se la okulojn ni movetos nur.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Alrajdu vi, kozakoj, en lavango,
kiel nubegoj nigraj en konfuz'.

Senbride spronu, kun avid' al sango.
Antaŭen vi, kun arda, blinda puŝ'.
Sub kovro de nebulo, senhezite
tumulte iru, kiel uragan'.
Imitu glacipecojn, kiuj glite
kaskadas sur dekliva rok-amas'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Niaj prapatroj iam migre iris,
alvenis al riĉega metropol',
je superbrila suno ili miris,
je domoj el kristalo kaj el or'.
Travadis ili la riveron Tibro,
la mondo tiam mutis de horor'.
Aŭdiĝis flustra, melodia vibro:
feino lulis ilin al la glor'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Ĉu vi ne sentas, ke la lancoj tremas,
avidaj, en la manoj, murdi jam?
Ĉu vi ne vidas, ke vizioj venas
gratuli nin pro nia venka marŝ'?
La ŝildon de l' eŭropaj regionoj
ni jam renversis, rompis ĝis detru':
Polujon, kies gloro kaj blazonoj
turniĝis je ruino, sango, fum'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

La polojn per katenoj ni kunligis,
la gajon polan ŝanĝis al sufer'.
En sang' ilia, ilin ni dronigis:
mizera fin' al ties glora temp'.
Hura, kozakoj! Famon al aŭdaca!
Ni baldaŭ frontos gentojn el Eŭrop'.
Ĉevaloj niaj per la huf' senlaca
profunde vundos en ilia korp'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Ĉe ĉiu piko de la lanco nuda,
ĉe ĉiu movo en batal-duel',
la sangan pecon de viando kruda
vi sentos pulsi bole sub la sel'.
Sed poste, en la luksaj katedraloj,
por manĝi ni sidiĝos ĉe altar'.
Ĝissate drinkos ni el vin-pokaloj,
satiĝos ni per blanka, mola pan'.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*

Niaj patrinoj vidos, ke ni trenos
Eŭropon al mizera servutec',
kaj kun ĝojego ili al ni venos,
ĉar ĉiu fil' ilia estos reĝ'.
Kaj niaj idoj niajn farojn konos,
heredos ili sceptrojn de Eŭrop'.
Ĉevalon, lancon tamen tuj disponos,
aliajn tronojn krude rulos for.

*Hura, kozakoj de la stepo, hura!*
*Eŭropon riĉan havas ni ĉe man'.*
*Ni sternos ĝiajn rotojn por la korvoj,*
*la kampojn kovros ruĝa sangoban'.*

Trad. Fernando de Diego

# NIAJ GRUPOJ

## ALICANTE

La 16-an de decembro kunsidis nia Grupo por festi la tagon de nia Majstro.

Dudek geedzaj paroj inter kiuj troviĝis la respondeculoj de la loka Estraro, ariĝis je la 10-a vespere en restoracio de nia pitoreska strando. Menciinde estas ke inter la kunmanĝantoj troviĝis niaj tre aktivaj kaj tre entuziasmaj samideanoj D-ro Pedro Signes, de Benidorm, kaj S-ro José Pastor, de Novelda, akompanataj de siaj respektivaj edzinoj; homoj kaj urboj sur kiuj ni faras iluziajn planojn por nia verda semado.

Antaŭ, dum, kaj post la vespermanĝo la etoso estis vere esperantisteca. Oni babilis pri la interna stato de nia Grupo; pri plej memorindaj anekdotoj de la ĵus okazinta XXXI[a] Kongreso de Esperanto en nia urbo, kaj oni faris pozitivajn projektojn por ĉeesti la XXXII-an, en Vigo.

Je la fino, la landa Prezidanto de Hispana Esperanto-Aŭroro, kaj Vic-prezidanto de nia Grupo, S-ro Cazorla, per elokventaj paroloj sin turnis al la ĉeestantaro reliefigante la signifon de nia kunveno. Li incitis per trafaj argumentoj al la plej ofta uzado de Esperanto en niaj rondoj, kaj kuraĝigis ĉiujn partopreni la kongreson en Vigo.

La kunsidon fermis la Prezidanto de la Grupo, S-ro Canet, kiu dankinte al la eksterurbaj kaj urbaj gesamideanoj pro ilia ĉeesto glosis nian kolektiĝon farante paralelon kun la unua Esperanto-Kongreso en Boulogne sur Mer, citante vortojn de nia Majstro en "La Verda Standardo": tie, kiel ĉi tie, sen eksteraj bombastoj de politika aŭ ekonomia influo; sen partopreno de reprezentantoj de la gazetaro kaj sen brilo de luksaj vestoj kun imponaj ordenoj, kunvenis sinceraj homoj kun sama sento kaj sama animo ĉar... "kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj, ni ĉiuj de Dio estas filoj..."

Ambaŭ oratoroj estis varme kaj amike aplaŭdataj.

*M. L. Serna*

Estraro de la Grupo Esperantista de Alicante, elektita en la Generala Kunsido okazinta la 9-an de Februaro 1972

Prezidanto: Enrique Martínez Cerdá.
Vicprezidanto: Miguel Cazorla.
Sekretariino: Conchita Verdú Díez.
Kasisto: Enrique Marco Cebrián.
Membroj: Rodolfo Canet Marín, Manuel López Serna, Miguel Manteca López.

## CALELLA DE LA COSTA

Kun granda entuziasmo oni komencis Esperanto-kurson en Kultura Sekcio de "Cooperativa La Amistad"; ĝi okazas lunde kaj ĵaŭde de la 9-a ĝis la 10-a vespere, gvidate de Prof. Pastro José M.[a] Claramunt Sch. P.

Okaze de la inaŭguro de la kurso, la 3-an de februaro oni organizis specialan aranĝon dum kiu oni informis pri Esperanto, kaj en kiu oni prezentis ekspozicion de esperantaĵoj. La publiko montris grandan intereson pri Esperanto kaj la movado.

La esperantistoj de Calella fondis novan Grupon de Esperanto, kies sidejo estas en "Cooperativa La Amistad", str. Iglesia, 207, CALELLA DE LA COSTA (Barcelona). Ni aŭguras grandan sukceson por la ĵus fondita Grupo, ĉar ni konas la sindonemon kaj kapablon de niaj tieaj samideanoj.

## MIERES

Kiel ĉiujare, en la sidejo de la Grupo Esperantista de Mieres, "Casa de la Juventud" komenciĝis kurso de Esperanto.

La inaŭguro de la kurso okazis la 29-an de novembro. Post inaŭguraj vortoj de la Prezidanto de la Grupo, oni projekciis diversajn filmojn; inter ili meritis specialan atenton tiuj pri la Hispanaj Kongresoj de Esperanto en Valencia (1964) kaj en Palencia (1965).

La kurso okazas lunde, merkrede kaj vendrede de la 8-a ĝis la 9-a vespere.

## SABADELL

Centro de Esperanto SABADELL:
Generala kaj Eksterordinara
Kunvenoj 1972

Per salutparoladeto de la Prezidanto, S-ro L. Puig komenciĝis la Generala Kunveno de 1972.

Laŭ la tagordo kaj post legado kaj aprobo de la antaŭa protokolo la subskribinto parole analizis la laboron dum la pasinta jaro, el kiu menciinda estas la jenaj faktoj:

La tradicia aŭ parola kurso kaj la kurso per korespondado. Nia kunla-

boro en la 13ª Barcelona-Provinco Esperantista Renkontiĝo okazinta en San Cugat del Vallés kaj nia ĉeesto al 31ª Hispana Kongreso de Esperanto en Alicante. — Nia societa festo en la monato februaro. — La Omaĝo-festo al niaj kunsocietanoj Ge-roj Criach motive de ilia translokiĝo al Barcelona. — La aĉeto de malgranda sed moderna "fluganta" ekspozicio. — Festo de Zamenhof kaj aĉeto de libroj pere de "R.E.L.A." kies valoro superis la sumon de 13.000 pesetoj. — La regula aperigado de "Sabadell Esperantista". — La starigo de Esperanto - programo en EAJ-20 de Radio Sabadell. — Fine, nia originala ideo gastigi eksterlandajn samideanojn, kiu havis tiel grandan eĥon tra Esperantujo.

Pri la ekonomia situacio oni konstatis ke elspezoj kaj enspezoj troviĝas samnivele. Oni aprobis buĝeton por la nuna jaro, kies kvanto estas 37.000 pesetoj, el kiuj, 10.000 pesetojn oni destinos por propagando kaj aliajn 10.000 pesetojn por eldonado de "Sabadell Esperantista".

Oni anoncis kaj dankis du donacojn, unu de 7.000 pesetoj kaj alia de 2.000 pesetoj faritajn de du membroj de nia Societo.

Oni decidis plialtigi la monatan kotizon je 15 pesetoj.

Por la nuna jaro oni programis kvar publikajn aranĝojn, el ili unu estos de internacia kategorio. Kaj kunlabori okaze de la Internacia Jaro de la Libro kun ĉiuj lokaj kulturaj societoj.

EKSTERORDINARA KUNVENO. La nura punkto de ĉi tiu kunveno estis renovigo parta de la estraro kaj post propono de kelkaj ĉeestantoj la ĉesintaj estraranoj akceptis denove daŭri en siaj respektivaj postenoj, do, la estraro restis la sama de la pasinta jaro.

*Luis Serrano*
Sekretario



Societa Festo 1972 de la Centro de Esperanto SABADELL

Ĉiujare, nia Centro organizas Societan Feston, kiun ni koincidigas kun la karnavala sabato. La nunan jaron la sukceso estis grandioza ĉar pli ol ducent personoj ĝin ĉeestis.

La foto montras momenton dum kiu S-ro Petro Soler anoncas la venkintojn en la konkurso —vestaĵoj aŭ maskvestoj de karnavalo—.

## *VALLADOLID*

Nova Estraro de "FIDO KAJ ESPERO"

La pasintan 6-an de Februaro, la Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid celebris sian jaran ĝeneralan kunsidon.

Post la legado de la raporto pri la laboro farita kaj, pri kies ĉefaj eventoj ni jam informis siatempe pere de BOLETIN, la kontoristo legis la kontojn de la pasinta jaro 1971ª. La ĉeestantaro unuanime, aprobis ĉion.

Sekve oni elektis la jenan estraron:

Prezidanto: Gonzalo Castañón Marcos.

Vicprezidanto: Antonio Gamboa Sánchez.

Sekretario: Luis Hernández García.

Vicsekretario: Carlos Castañón Adalia.

Kasisto: Mauro López Nalda.

Kontoristo: Francisco Castañón Marcos.

Membroj: Luis Martín Herrero, Dativo Blanco Seco, Juan Antonio Saturnino.

Okupos la postenon de Bibliotekisto, Jacinto Urueña Antón.

La nova estraro havas multegajn ideojn por intensigi la vivon de la Grupo kaj esperas, kun la helpo de la geanoj, realigi ilin.

*L. Hernández*

*ZARAGOZA*

GENERALA KUNSIDO DE "FRATECO"

La 6-an de februaro okazis la Generala Kunsido de "Frateco" sub prezido de ĝia Prezidanto D-ro Miguel Sancho Izquierdo.

Post plenumo de la laŭstatutaj formalaĵoj oni pritaktis la konsiston de la nova estraro. Kvankam ĉiuj estraranoj kiuj devis ĉesi estis unuanime proponitaj por reelekto, oni konsideris la intereson renovigi la estraron, kies konsisto por la jaro 1972 estas jene:

Prezidanto: Dro. Miguel Sancho Izquierdo.

Vicprezidanto: Víctor Ortiz Gratal.
Sekretario: José Martínez Martínez.
Vicsekretario: Concepción Medina.
Kasisto: Emilio Pérez Jimeno.
Vickasisto: Enrique Navarro.
Kontisto: Manuel Romero Gómez.
Vickontisto: Herminia Gil Alvarez.
Membroj: Luis Ferrer, Miguel Miravé, M.ª Pilar Esteban, José Luis López.

Tuj sekve, oni pritraktis la aranĝojn organizotajn dum la kuranta jaro, pri kiuj siatempe ni informos en BOLETIN.

## VALENCIA INFORMAS

Bugarra estas pitoreska vilaĝo, kun preskaŭ 5.000 loĝantoj, kiu situas pli ol kvindek kilometrojn de Valencia, en kruta intermonto, ĉe kies bazo fluas, rapide, la rivero Turia. En ĝi ekzistas junulara grupo, gvidata de Ramón Diago, studento en Valencia, fervora esperantisto, kiu lernas la lingvon en la kurso gvidata de Dro. Herrero. Li diskonigis esperantismon inter siaj kunuloj, kaj li disdonis kelkajn gramatikojn kaj vortaretojn.

Car la etoso en Bugarra estas tre favora, Dro. Herrero, pasintan 12-an de Marto, sin turnis tien, kaj, en la aŭditorio de municipa korporacio, prelegis pri Esperanto, ĝiaj celoj, atingaĵoj kaj praktikaj avantaĝoj, antaŭ preskaŭ cento da atentemaj gejunuloj, kiuj, aprobe, alprenis la dissemitan temaron.

Car la entuziasmo de la tieaj gejunuloj estas granda, oni povas esperi ke, en baldaŭa estonto, estos vigla esperantista movado en la bela montara, riverborda Bugarra.

## IMITINDA EKZEMPLO

Pasintan 10-an de marto, okazis en Parizo, en la Hospitalo Saint Louis, Dermatologia Renkontiĝo, sub la prezido de Prof. Debos, kiu gvidis la forumon. Tie, hispana docento de la Fakultato de Medicino de Valencia, Dro. J. Calap, prezentis interesan komunikaĵon pri "Antaŭkancera Kondilomatozo".

Krom la medicina intereso, la interveno de Dro. Calap reliefigis la ĥaosan nomenklaturon de la dermopatioj, kaj, tial, li proponis, kun favora akcepto, ke oni reguligu ĝin, per esperanta terminaro, pro la malprecizeco de la latina.

Dro. Calap, helpota de Dro. Herrero, estro de la Dermatologia Kliniko de la Hospitalo de la Ruĝa Kruco de Valencia, estas preta entrepreni la taskon, kio estas vere imitinda de aliaj fakuloj.

 

**VALLADOLID**

Unuafoje en la vivo de la Valladolid-a esperantista societo, ni celebris la Semajnon de Internacia Amikeco, ne unu tagon kiel okazis ĝis la lasta jaro, sed dum la tuta semajno.

La lundon 21-a de Februaro je la 8ª vespere kaj en la granda salono de la sidejo de la societo, la multenombra ĉeestantaro —kelkaj ne-esperantistoj— aŭskultis diskojn de la serio "Ĉu vi parolas Esperante?" gravuritajn en Pollando, kun la voĉoj de la geparolistoj de Radio Varsovio. Per ili ni povis konstati kiamaniere Esperanto estas taŭga por ordinara vivo.

Mardon, je la sama horo kaj en sama loko, Pastro Moisés Dueñas, misiisto, prelegis hispane pri "LA VERA AMIKECO". La Prezidanto de la Grupo prezentis al la geĉeestantoj la prelegonton, kaj donacis al li, nome de la Societo, gramatikon de Esperanto, de Soler kaj vortaron "Lexicón Sopena". La preleganto dankinte la donacon, komencis la disertacion menciante kiel en Novaj Hebridoj kie li laboris, li devis uzi tri lingvojn ĉiutage, malgraŭ la fakto ke li ne ŝatis idiomojn, kaj reliefis kiel Esperanto estas aŭ pli bone povas esti taŭga kiel internacia interkomprenilo. Li aldiris: "La amikeco estas ne doni ion, sed doni sin mem kaj nur poste, kiam ni amikiĝos kun ĉiuj, efektive doni, Por atingi tion estas necese ekkoni la homojn, ĉar ni ne povas ami tion, kio estas nekonata al ni. Li diris ke por atingi amikecon ni devas respekti la kutimojn kaj morojn de la aliaj, kaj ke pro erarego de misiistoj kaj konkeristoj la prakulturoj de tiuj popoloj estas en mortdanĝero. Post sia interesa prelego oni projekciis diversajn lumbildojn pri la pejzaĝo kaj kutimoj de la loĝantaro de Novaj Hebridoj (Oceanio) kiujn komentis la preleginto. Al la nombra ĉeestantaro la aranĝo plaĉis multege.

Merkredon, denove ni aŭskultis diskojn, sed ĉifoje gravuritajn en Francujo.

Jaŭdon, la ĉeestantaro povis aŭskulti diskojn el Svedujo, kiuj laŭ mia opinio ne estas sufiĉe bonaj, pro sia nebona prononcado.

Vendredon, ni aŭskultis diversajn diskojn prezentitajn kiel en la antaŭaj tagoj, de S-ro Gamboa.

Sabaton, kun plenplena salono, okazis la anoncita esperantlingva prelego de S-ro Benito Calvo, kiu venis speciale el Palencia, kie li loĝas, por fermi la farojn de la Semajno. Unue S-ro Castañón prezentis la prelegonton kaj dankis lin pro lia akcepto veni al nia urbo por prelegi. S-ro Calvo komencis dankante al la Grupo pro la invito kaj prelegis pri "AKTUALAJ PROBLEMOJ KIUJ MALEBLIGAS LA AMIKECON". Per lia prelego ni povis vidi kiel la amo kaj la paco ne regas en Eŭropo, nek en Azio, nek en Afriko, k.t.p. Menciante la titolon de nia Grupo "FIDO KAJ ESPERO", li diris ke ĉiujn militojn okazigas la manko de tiuj virtoj, ankaŭ kaŭzas ilin la manko ne nur de nutraĵoj, sed ankaŭ de klereco; kaj ankaŭ la malamo. Kontraŭe per Fido kaj Espero oni atingas amikecon. S-ro Calvo citis, por pruvi tion, kelkajn ekzemplojn el la Biblio. Li finis dirante ke nur plenumante la Dian Ordonon "Amu unu la alian kiel vin mem" ni atingos amikecon. Sekvis malgranda interparolado kaj ĉiuj varmege aplaŭdis S-ron Calvo. La samideanaro translokiĝis al alia ĉambro por gustumi "hispanan vinon", donaco de la Grupo.

Fine, la dimanĉon, dudekkvin personoj, esperantistoj kaj ne, kuniĝis en frata kaj amikeca manĝado.

*L. Hernández*

**ZARAGOZA**

Diversmaniere oni okazigis ĉi-jare en "Franteco" la Semajnon de Internacia Amikeco. Krom la interŝanĝo de salutoj kaj bondeziroj kun enlandaj kaj eksterlandaj samideanoj kaj organizaĵoj, kelkaj Fratecanoj prelegis pri la koncepto de la amikeco de la vid-punktoj socia, psikologia kaj historia.

S-ro Miguel Miravé parolis pri Esperanto en ties rilato kun la amikeco kaj asertis, ke la terminoj "samideano" kaj "amiko" estas tre similaj kaj ke, por

fortikigi la koherecon de la Esperanta movado, ni devas ĉiam klopodi konduti samideanece.

S-ro Enrique Navarro diris siaparte, ke dum kelkaj teorioj, doktrinoj kaj sistemoj parolas abstrakte kaj ĝenerale pri la amikeco kaj la interpopola harmonio, nur Esperanto funkcias kiel instrumento "praktika" en la solidariĝo de la homoj de la tuta mondo. Li atentigis pri la paradokso kuŝanta en la fakto, ke oni ofte nomas nin revuloj kaj fantaziuloj, tamen la fruktoj de nia laboro estas plej pozitive realaj kaj palpeblaj.

La lastan tagon oni aŭskultis diskojn kun Esperantaj kanzonoj el diversaj partoj de la mondo, kaj oni trinkis glason da vino, tostante je la amikeco inter ĉiuj esperantistoj kaj je la solidareco inter ĉiuj rasoj kaj popoloj de la mondo.

---

La Hispana Turisma Esperanto-Sekcio interŝanĝis plurajn salutkartojn kun diverslandaj geamikoj.

Inter la salutoj ricevitaj meritas specialan mencion tiu de la Esperanto-Societo de Ĉikago, kun proklamo en angla kaj esperanta lingvoj de la Urbestro de Ĉikago, per kiu li deklaras la periodon de februaro 21-28, SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO EN ĈIKAGO, koincide kun la tutmonda kampanjo starigita de la Universala Esperanto-Asocio.

---

## 24ᵃ KONGRESO DE I. F. E. F.

Okazonta de la 6ᵃ ĝis la 12ᵃ de majo 1972 en Lugano

Provizora programo:

Kiel kutime, ja interesa estas la provizora programo prezentita de la Loka Kongresa Komitato.

Akcepto de kongresanoj kaj Interkona Vespero okazos la 6-an.

Dum la sekvantaj tagoj, post la Solena Inaŭguro de la Kongreso, krom la laborkunsidoj fare de la Komitato kaj Komisionoj, la Plenakunsido de la Federacio kaj Fakaj prelegoj; okazos diversaj aranĝoj por ĉies gustoj kaj ekskursoj: Diservo, Koncerto, Internacia Balo, Folklora Vespero, Filmoj-Prezentado... Junulara tago, en kiu okazos Piedpilkludo kaj aliaj junularaj aranĝoj, finante per Junulara vespero.

Inter la ekskursoj, krom faka ekskurso al Chiasso, nova varstacio, aŭ al Bellizona, ĉefriparejo, estas programitaj ekskursoj al "Monte Generoso", Rondveturado ŝipe sur lago de Lugano kaj tuttaga ekskurso al Trafdomo Luzern kun ŝipveturado Flüelen-Luzern.

En Luzern okazos la fino de la Kongreso.

---

Eblos plilongigi la restadon en Lugano. Oni povas peri restadon ankaŭ en Luzern. Niaj tieaj samideanoj eĉ pretas organizi malgrandan programon se montriĝos sufiĉe da intereso.

Aliĝiloj estas haveblaj ĉe Hispana Esperanto Fervojista Asocio, str. Ronda San Antonio, 46-50, 2.º, 4.ª, Barcelona-11.

*José Cerezo Pérez*

---

## FOIRO DE MILANO

Ni ricevis tre belan, plurkoloran afiŝon, kiu tekstas jene: "juna en la dinamiko matura en la sperto. 50 jaroj de la FOIRO DE MILANO, 14-an - 25-an de aprilo 1972".



## IOM PRI LA FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Sendube la regiono de l' Béarn estas unu el la plej altiraj lokoj de Francujo; la naturo kompleze modelis ĝin per ridetanta pejzaĝo, kiu samtempe aspektas trankvile majesta. Belegaj vilaĝoj meze de abunda frondaro, kaj, kie la moroj estas plene respektataj; malnovaj preĝejoj de la $XI^a$ kaj $XII^a$ jarcentoj; grandioza montara murego kies pintoj siluetiĝas en la lazuro... Kantantaj torentoj en siaj ŝtonaj fluejoj... Tio estas la Béarn.

Pau, ĝia ĉefurbo estas turisma centro en tiu regiono kiu situas 60 km. proksime al Hispanujo; vere alloga urbo en kiu harmonie kuniĝas la postsignoj de glora pasinto kun plej modernaj realaĵoj. Tiu estas la urbo kie francaj kaj hispanaj esperantistoj kunvenos por pasigi du tagojn en frata kunvivado.

La programo organizita estas ja interesa, kaj la reganta entuziasmo estas garantio de sukceso.

Krom la Oficiala Akcepto de la kunvenantoj en la Urbodomo de Pau, dimanĉon matene; saman tagon, vespere okazos ankaŭ Oficiala Akcepto en la Urbodomo de Accous, fare de la vilaĝestroj de la Valo d' Aspe.

Tre interesa tiu vizito tra la Valo d' Aspe, impresa pro sia natura beleco; la pureco de la aero divenigas ĝiajn verdajn valojn en plej ŝatata restadejo por la naturamikoj. Altegaj pintoj; ĉiamaj neĝoj; surmontaj lagoj... kaj, tra la valo elstaras la diversaj vilaĝoj, kiuj konsistigas la loĝantaron de la Valo d' Aspe, kie oni povas praktiki plej diversajn sportojn.

*Mariví N. de Gastón*

---

INTERESA INFORMO: Pro neatenditaj kaŭzoj, oni devis ŝanĝi la daton de la Renkontiĝo. Kiel ni anoncas en ĉi tiu numero de BOLETIN, ĝi okazos la 13-an kaj 14-an de Majo 1972.



Valo d' Aspe. Accous

LIBROSERVO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROSERVO DE H.E.F. - 1971

| | *Pesetas* |
|---|---|
| Cobrado de libros, etc. ... | 133.982,— |
| Pagado de libros, etc. ... | 107.774,— |
| *Beneficio* ... | 26.208,— |
| Gastos generales según nota presentada ... | 3.460,— |
| *Beneficio líquido* ... | 22.748,— |

## CUENTAS GENERALES DE LIBROSERVO DE H.E.F.

| | *Pesetas* | |
|---|---|---|
| Valor existente en libros en 31 de diciembre de 1970. | 55.340,— | |
| A deducir 5 % del beneficio líquido de 1970 que pasó a la Fundación con arreglo al punto 3 del artículo 3.º, título II de sus Estatutos ... | 1.000,— | 54.340,— |
| Ingresado en 1971 por venta de libros traídos de Valencia en 1965 al ser trasladado Libroservo a Zaragoza ... | | 278,— |
| Beneficio líquido 1971 ... | 22.748,— | |
| A deducir 5 %, que pasa a la Fundación ... | 1.137,— | 21.611,— |
| *Valor existente en libros y Caja* ... | | 76.229,— |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1971.
*Inés Gastón*

## EXISTENCIAS DE LIBROSERVO DE H.E.F. EN 31-12-1971

| | |
|---|---|
| Valor en compra de libros, etc., existentes, salvo e. u o. ... | 75.928,— |
| En Caja ... | 301,— |
| *"Activo" existente* ... | 76.229,— |
| Valor en venta, aproximado, de libros existentes traídos de Valencia en 1965, al ser trasladado Libroservo a Zaragoza ... | 2.486,— |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1971.
*Inés Gastón*

ELDONA-FAKO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA ELDONA-FAKO DE H.E.F. - 1971

| | | *Pesetas* |
|---|---|---|
| Capital a amortizar ... | | 4.672,— |
| INGRESADO: | *Pesetas* | |
| Por venta de material ... | 13.842,— | |
| GASTADO: | | |
| Material diverso según nota presentada ... | 892,— | 12.950,— |
| *Saldo en favor de la Eldona Fako* ... | | 8.278,— |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1971.
*Inés Gastón*

*LIBROSERVO*

Es esta la última vez que incluyo el servicio de venta de libros en comentario, ya que a partir de las cuentas del año que acabamos de empezar no seré yo quien haya de presentarlas. En realidad acerca de "libroservo", como decía el año pasado no hace falta comentario, puesto que las cuentas presentadas dan idea del normal funcionamiento del mismo. Esperemos que ni el franqueo, ni los medios de transporte de libros sigan subiendo.

Ahora, cuando después de siete años al frente de "libroservo" me despido de vosotros, quiero agradeceros vuestra comprensión y colaboración, a la vez que me ofrezco a todos con el deseo de seros útil.

*ELDONA FAKO*

El resultado de la labor realizada por esta sección se refleja en las cuentas. Por lo tanto, hoy puedo anunciaros que ya tenemos nuevas insignias. Hubiera querido haberlas puesto a vuestra disposición en el pasado año, pero a última hora no fue posible.

Mi agradecimiento para los amigos que en el año 1971 respondieron a mi llamamiento adquiriendo libritos de los editados por H.E.F. Hemos empezado el Año Internacional del Libro. ¿No habéis pensado que es una buena ocasión para enviar a vuestros corresponsales un ejemplar de cualquiera de ellos? Y... ¿Por qué no, de los tres? Lo mismo en Libroservo que en la Eldona Fako los tenéis a vuestra disposición, y estad seguros de que al recibirlos, os lo agradecerán.

*BOLETIN*

Como redactor-responsable de BOLETIN quiero una vez más manifestar mi gratitud a cuantos han colaborado en la revista enviando artículos e información. Repito lo que dije el año pasado: BOLETIN debe servir como lazo de unión entre los esperantistas, por tanto, toda noticia acerca de la vida de nuestros Grupos es de gran interés para todos.

Puedo deciros que este año en el que varios de los Grupos han enviado más regularmente la información, en varias ocasiones he recibido cartas —y también del extranjero— felicitando por la actividad de nuestros Grupos.

Aun cuando seguramente los que asististeis a la Junta General de la Federación que se celebró durante el Congreso en Alicante, ya conocéis la noticia, quiero informar a los que no asistieron, de que el pasado año, al tener que elegir nueva Directiva en la Sección de publicidad —pequeñas empresas, publicaciones varias— de Sindicatos, fue elegida —por votación— nuestra revista BOLETIN, mejor dicho su representante para formar parte de la Directiva. Ha sido una satisfacción el comprobar en el concepto que se nos tiene y la estima que por el Esperanto sienten en Zaragoza.

Por último vuelvo a agradecer a todos su colaboración y en especial a don Salvador Gumá, de Reus, y a don Fernando De Diego, de Zaragoza, por su valiosa ayuda.

*Inés Gastón*

---

Esperanto-insignoj stelformaj, pinglaj kaj butonaj, unuo ......... 18,— ptoj.
Esperanto-insignoj rondaj, pinglaj kaj butonaĵ, unuo .................. 20,— ptoj.

Mendoj kaj pago ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

La Agrupación Cultural LA TOSCA, en colaboración con las Corporaciones y Entidades locales ha organizado un Certamen Literario con motivo de las BODAS DE PLATA de su portavoz mensual LA TOSCA.

Entre las Entidades que han otorgado premios para dicho Certamen, figura el Grupo Esperantista de Moyá.

El PREMIO ESPERANTO-GRUPO MOYA está dotado con 1.000 ptas. y el tema para concursar a él es el siguiente: "EN LOS TIEMPOS ACTUALES NECESIDAD DE UN IDIOMA INTERNACIONAL".

Hay otros cuatro Premios dotados con la misma cantidad, de otras cuatro Entidades de Moyá; dos Premios dotados con 2.500 ptas. cada uno del Excelentísimo Ayuntamiento de Moyá, y un Premio extraordinario dotado con 3.000 ptas. instituido por el Sr. Director de LA TOSCA.

El plazo de presentación de los trabajos, que deberán ir redactados en lengua castellana o catalana, finalizará el 11 de mayo próximo. Pueden solicitar las BASES DEL CERTAMEN a la Redacción de BOLETIN: Inés Gastón, Paseo de Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

---

## EXCURSION TURISTICA A VIGO CON MOTIVO DEL 32 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

La Sección Esperantista Española de Turismo en colaboración con la Delegación de "VIAJES MELIA" en Zaragoza, ha organizado la siguiente excursión con visita a Portugal.

17-7-72 ZARAGOZA - SORIA - VALLADOLID
Por la mañana salida de Zaragoza en autopullman hacia Valladolid, con detención en SORIA para almorzar. Por la tarde continuación de viaje a VALLADOLID. Cena y alojamiento en el hotel.

18-7-72 VALLADOLID - BRAGANZA - OPORTO
VALLADOLID. Desayuno en el hotel. Salida hacia Portugal. Almuerzo en BRAGANZA. Por la tarde se continuará viaje a OPORTO. Cena y alojamiento en el hotel.

19-7-72 OPORTO. Pensión completa en el hotel. Día libre para visitar la ciudad.

20-7-72 OPORTO - VIGO
OPORTO. Desayuno en el hotel. Salida hacia VIGO. Almuerzo, cena y alojamiento en el hotel.

21-7-72 al 25-7-72 VIGO. Pensiones completas en el hotel. Días libres para asistir a las sesiones del Congreso Español de Esperanto.

26-7-72 VIGO - PONFERRADA - PALENCIA
VIGO. Desayuno en el hotel. Salida hacia Palencia. Almuerzo en PONFERRADA. Por la tarde continuación de viaje a PALENCIA. Cena y alojamiento en el hotel.

27-7-72 PALENCIA - SORIA - ZARAGOZA
PALENCIA. Desayuno en el hotel. Salida hacia Zaragoza. Almuerzo en SORIA. Por la tarde continuación de viaje para llegar a Zaragoza al anochecer.

Precio de la excursión por persona en habitación doble con baño. 8.465 ptas.

Informes e inscripción en la Sección Esperantista Española de Turismo, Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

# 57-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

de la 29a-7 ĝis la 5a-8 1972

Kiel anoncite, ankaŭ ĉijare, la Hispana Turisma Esperanto-Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes MELIA" en Zaragoza organizas komunan vojaĝon al Portland (Oregon), okaze de la 57a Universala Kongreso de Esperanto. Ĉar la partopreno en la Kongreso estas bona okazo por viziti aliajn urbojn de tiu interesa lando, ni organizis jenan ekskurson, kies programo estas ja alloga:

25-7-72 — MADRID - NEW YORK
Je la 11a matene, forveturo de Madrid al New York, per reaktor-aviadilo.
Je la 13,40 (loka horo) alveno al la flughaveno John F. Kennedy.
Translokigo de la flughaveno al la hotelo en New York. Loĝado.

26-7-72 ĝis 28-7-72 — NEW YORK
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 26a, okazos komuna vizito al tiu grandega urbo tra Times Square, Greenwich Village, la Bowery, Chinatown, vera ĉina urbo en la koro de Manhattan; Wall Street, la konstruaĵo sidejo de la Unuiĝintaj Nacioj, Park Avenue, Centro Rockefeller, konstruaĵo Empire State; oni vizitos la "Centro Cívico" tra la komercaj kaj mara distriktoj; fine vizito al la statuo de la Libereco.

29-7-72 — NEW YORK - PORTLAND
Post la matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 11a h. forveturo de New York al Portland per reaktor-aviadilo.
Je la 15,12 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Portland. Loĝado.

30-7-72 ĝis 4-8-72 — PORTLAND
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.

5-8-72 — PORTLAND - SAN FRANCISCO
Matenmanĝo en la hotelo.
Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 17a h. forveturo de Portland al San Francisco per reaktor-aviadilo.
Je la 18,36 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en San Francisco. Loĝado.

6-8-72 ĝis 8-8-72 — SAN FRANCISCO
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 6a, okazos komuna vizito al la urbo; speciale oni vizitos China-town, ĝiajn ekzotikajn vendejojn Jackson Square kaj Telegraph Hill, de kie oni povas admiri la urbon. Vido de la Fisherman's Wharf (Kajo de la fiŝkaptisto).

9-8-72 — SAN FRANCISCO - WASHINGTON
Matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 9a h. forveturo de San Francisco al Washington per reaktor-aviadilo.
Je la 17,04 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Washington. Loĝado.

10 - 8 - 72
Matenmanĝo en la hotelo. Dum la mateno komuna vizito; tra la rivero Potomac por vidi la belegajn domojn de Georgetown, poste, oni daŭrigos al Alexandria, urbo, kie naskiĝis Jorge Washington. Oni vizitos Mt. Vernon kaj ĝiaj dependaĵojn, kiuj elmontras la kutimojn de la epoko de Washington.

11-8-72 — WASHINGTON - NEW YORK - MADRID
Matenmanĝo en la hotelo. Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Forveturo de Washington je la 11a h., alveno al New York je la 12a h. kaj je la 20a h. forveturo de New York al Madrid per reaktor-aviadilo.

12-8-72 — Je la 7,30 h. alveno al Madrid.

Prezo de la vojaĝo po persono, loĝado en Hoteloj de 1a kategorio:
en dulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 57.180 ptoj.
en unulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 64.770 ptoj.

Por atingi tiujn prezojn oni bezonas la partoprenon de minimume 20 personoj.

Ĉi tiuj prezoj estas provizoraj, kaj ĉiuj eblaj ŝanĝoj modifos ilin. Ŝajnas ke la prezoj estos rabatitaj.

Informojn: Ĉe H.T.E.S.; Inés Gastón P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

## FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Organizita de niaj francaj gesamideanoj la ĉijara franca-hispana esperantista renkontiĝo, okazos en Pau (Francujo) la 13-an kaj 14-an de majo 1972.

Informas:

| En Francujo: | En Hispanujo: |
|---|---|
| S-ro Jacques Decobert | H.T.E.S. ĉe Inés Gastón |
| 64 - ACCOUS | P.º Marina Moreno, 35 |
| | ZARAGOZA |

## BARCELONA-PROVINCA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Okazonta en Riells del Fai la 18-an de junio 1972

Provizora Programo

Renkontiĝo ĉe la Paroĥeja Placo.

Meso kun prediko en Esperanto fare de Pastro Claramunt Sch. P. kaj Pastro Casanoves C.M.F. en la loka Paroĥejo.

Inaŭguro de strato "Dro. Zamenhof".

En loka lernejo, teatra prezentado en Esperanto, fare de la junulara trupo de Centro de Esperanto Sabadell.

Prezentado de surstrata Esperanto-ekspozicio.

Kunmanĝado en loka restoracio.

Informas: Centro de Esperanto Sabadell, Gral. Mola, 99, SABADELL (Barcelona).

## 57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29ª, 7 ĝis la 5ª, 8, 1972
Sub la Alta Protektado de Governor Tom McCall
Estro de la ŝtato Oregon

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona), kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio Statistiko (22 februaro 1972).

Entute 572 aliĝintoj el 37 landoj (el Hispanujo 12).

## "GRÊSILLON" DUDEK-JARA - 1972

Fondinto: H. Micard - Direktoro: P. Babin

Programoj dum la somero:

- 2/7-23/7: Kulturaj Esperantistaj Semajnoj: Tri diversgradaj kursoj - Ekzamenoj Diversaj aktivecoj kaj distraĵoj - Ekskursoj. INFANA INTERNACIA RENKONTIĜO
- 23/7- 6/8: Internacia Dusemajna Periodo "DUDEKJARA DATREVENO". La ĉefaj internaciaj E. Asocioj debatos pri dudekjara poresperanto aktiveco. Prelegoj - Diskutoj - Distraĵoj - Ekskursoj.
- 6/8-27/8: Studsemajnoj: Diversgradaj kursoj - Ekzamenoj - Diversaj aktivecoj kaj distraĵoj - Ekskursoj.
- 27/8-10/9: Kulturo kaj Ripozo: Kursoj - Konversacioj - Distraĵoj - Ekskursoj.

Informoj: Ĉe La Esperantista Kulturdomo, F-49-BAUGE, Francujo.

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7. - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63